REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND
*22a jarkolekto n-ro 2 marto-aprilo 2017*

# Fenikso

Esperanto Nederland






Organizaĵo de la Unuiĝintaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj Kulturo

## La 100a mortodatreveno de Ludoviko Zamenhof

Solenata sub la aŭspicio de UNESKO

# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EŬR 17,50.
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Sekretario:* PROVIZORE Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: s-ino Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan den IJssel l.a.demmendaal@planet.nl <kasisto@esperanto-nederland.nl

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Capelle aan den IJssel; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*:
<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen


## ENHAVO



Kiu estas la forta ŝaho de Esperantujo?
Kiu estas verda sadhuo de Esperantujo?
Kiu estas la vera skabeno de Esperantujo?
Kiu estas pura suzereno de Esperantujo?
Kiu estas la ora ŝamano de Esperantujo?

sincerajn salutojn de Frans Cobben

## DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de marto 2017. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## DE VIA REDAKTORO

La pasinta numero aperis kun iom da malfruiĝo. La kialo estas, ke la oficejo de FEL estis translokigita al nova domo, kaj lastmomente nur kelkaj homoj devis laboregi por transdoni la antaŭan domon malplena kaj pura antaŭ la jarfino. Pluraj aliaj, kiuj kutime tie laboras, feriis tiumomente.
Mi bedaŭras, ke tio kaŭzis al ili pezajn tagojn ĝuste dum oni povus atendi iom da feriado.

La plej unua reago pri la nova numero (jan-feb 2016), kiun mi ricevis, estis eta inundo da leteretoj por plendi, ke la nekrologo pri Piet Burg venis «nur» de IEI. Reage nun vi trovos novan nekrologon, nun nome de Esperanto Nederland.
Ni faris nian eblon denove aperigi indan numeron de nia revuo. Ĝue ĝin legu !

GB





## Raporto de la estraro

La 158a estrarkunsido de Esperanto Nederland okazis sabaton 21/1/2017 en De Kargadoor, Utreĥto. Ĉeestis ĉiuj estraranoj. Prezidis Loes. Protokolis Loes kaj Said. Oni pritraktis kaj pridecidis jene:

**Okazigi estrarkunsidojn aliloke** por ŝpari lumon (ĉ. 55 eŭroj) estis pridiskutite. Oni preferis okazigi ilin en nepublika loko. Tamen la estraro serĉas alternativajn rimedojn kaj ankoraŭ bonvenigas realigeblajn proponojn, kiuj kaŭzos malpliigon de la kostoj.

La antaŭa protokolo post eta korekto estas aprobita.

La ĝenerala financa situacio de *Esperanto Nederland* estis serioze traktata. La kasistino rememorigis, ke, se la financa situacio restos same, la asocio ne eltenos pli ol dek jarojn. Por eviti la eventualan bankroton, la estraro priserĉas diversajn rimedojn. Nun la plej granda elspezo de la asocio rilatas al la Esperanta katedro ĉe la Amsterdama universitato, kiun la estraro aprezas kaj emas daŭrigi kiel prestiĝan aferon. Por solvi la problemon, la estraro pensas pri establo de tiucela fonduso. Tiele ni povos kaj montri la gravecon de la afero kaj peti monrimedojn de ĉiuj interesantoj, eĉ ne nur esperantistoj.

Konsidere eblan realigon de tiu fonduso, imageblas eĉ aĉeti sidejon por *Esperanto Nederland*, kaj eventualaj rimedoj por enspezoj krom la kotizoj kaj financaj kunlaboroj kun aliaj Esperantaj organizoj aŭ individuoj. Viaj sugestoj helpos al la ĝusta decido.

Por pli faciligi la kotizpagadon, la kasistino sendos la ekzemplan bankan rajtigilon de la aŭtomata enkasigo al la sekretario kaj li daŭrigos kontakti la membrojn, kiuj prokrastis pagi sed ankoraŭ ne estas eksigindaj.

La kasist(in)o sendos unufoje jare memorigilojn, respektive rete aŭ letere, al ĉiuj membroj por memorigi ilin pri la pago de la kotizo. Ni petas vin refoje tie ĉi, ke vi bonvolu pagi vian kotizon, se ĝis nun vi forgesis.



Ralph Schmeits akceptis esti rajtigito ĉe la banko.

*Fenikso*, interŝanĝe, estu sendata nur al tiuj organizaĵoj, kiuj sendas sian revuon al ni. Pri la maniero de alsendo ni agu konsiderante la kostojn kaj preferante la malpli altajn kostojn.

La rezulto de la statistiko pri la publikigita demandilo, ĉu *Fenikso* aperu rete aŭ papere, estis pristudita. Partoprenis nur dek membroj. Sep el ili konsentis kun la reta apero, sed nur al la dezirantoj. Du el ili petis la absolutan forigon de la papera. Unu el ili kontraŭis la retan version. Ĉar la kvanto de la partoprenantoj ŝajnas al la estraro ne sufiĉa, ni daŭrigos la pripensadon. Interalie ni petas la retadresojn de tiuj, kiuj pretas rezigni la paperan kaj ricevi nur la retan version, tamen sen malpliiĝo de la kotizo. Por montri vian pretecon sufiĉas sendi ret-mesaĝon, indikante, ke vi volas retan version de *Fenikso*, al: snmozaffari@yahoo.com

En la retejo de *Esperanto Nederland* baldaŭ legeblos la nombro de la membraro. Laŭ la plej aktuala listo de nia kara Remment, administranto de la membrar-aferoj, EN havas 228 membrojn en la fino de 2016, el kiuj 124 aĝas 70+.

**Nederlandigo de tekstoj por esperanto.net** – Temas pri tekstoj disponigitaj de UEA pri la temo planlingvoj. Ili pretos por tradukado komence de decembro. Kees Ruig prezentis sin kondiĉe, ke ne estu tro longaj tekstoj aŭ libroj. La estraro petas pluajn helpojn. Se vi pretas helpi, bonvolu kontakti la sekretarion aŭ la prezidanton.

**Jarkunveno 2017** – La salono jam estas rezervita por 13/5/2017 en *De Kargadoor*. La programo jam estas anoncita en *Fenikso* 1/2017. Hiddo prezidos. Por la posttagmeza programo alvenis du proponoj: *Malvo kaj Kajto*, muzikgrupoj. La estraro aprezas la sinproponon de ambaŭ, sed elektis Malvo-n por la jarkunveno. Kajto estas pli profesia kaj oni invitos ĝin por pli publika aranĝo kiel Zamenhof-festo aŭ kultura aranĝo, pri kiu la estraro petis Loes aranĝojn. Ŝi, farinte istempe tiajn programojn, havas sufiĉan sperton. La estraro opinias, ke tiaj kulturaj aranĝoj, almenaŭ unufoje jare aŭ dujare, utilos por montri Esperanton al la ekstera publiko, alproksimigi la esperantistojn kaj iliajn gekarulojn al unu la alia, ekzerci la parolan lingvon k.s. Tiaj aranĝoj povos okazi kunlabore kun aliaj E-organozaĵoj kiel IEI, NEJ ktp, se ili konsentos. Bonvenas ajna sugesto kaj propono.

**La Letero al Amikoj de Esperanto Nederland** estas distribuita. Ni havas 11 Amikojn, tamen la kasis-

tino ne vidas iliajn amikec-kotizojn en la kaso! Ni petas ilin pagi sian kotizon, nur 5 eŭroj jare, tamen por ni tre signifohava.

Alvenis kritiko pri la ne reago de *Esperanto Nederland* en *Fenikso* ĉe forpaso de nia karmemora Edwin Burg. La prezidanto jam aparte deklaris sian bedaŭron. Ni denove kondolencas. Ni petas vin, bonvolu kiel eble plej frue informi nin, se vi sciiĝos pri forpaso de iu esperantist(in)o. La reago de plej proksimulo plus biografieto kaj foto helpos verki decan nekrologon.

**Beneluksa Kongreso.** Esperanto Nederland bedaŭrinde ne disponas je sufiĉe da homforto, mono ktp. Sed se ni ricevos konsiderindan proponon de alia organizo aŭ individuo, eblas revizii la decidon.

**La Drongo-festivalo** ĉijare ankaŭ okazos, en la 29a kaj la 30a de septembro, en Utreĥto, dank' al laboro de Bert de Wit.

EEU petis, ke Nederlando (ankaŭ) klopodu registri Esperanton kiel kulturan homaran heredaĵon. Ni petis IEI trakti la aferon. Ineke restos nia reprezentanto ĉe EEU. La kunsido finiĝis je la 13a horo. La venonta kunsido okazos 18/3/2017 en la sama loko.

**Korekto**

Piet Buijnsters kaj Jolanta van Holstein atentigis nin ke la ciferoj rilate al la voĉdonado en la jarkunveno 2016 aperinta en Fenikso 6/2016 paĝo 6 entenas erarojn. Ili pravas. Dankon al ili pro la atentigo. Tamen la ĝusta statistiko laŭ la alveninta koncerna protokolo devus esti jene:

| Estrarpropono | Jes | Ne | Sindeteno | Malvalida | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|
| ***Elekti Loes Demmendaal, kiu kandidatis kiel kasisto por tri jaroj*** | 27 | 0 | 1 | 0 | 28 |
| ***Rob Moerbeek kandidatas kiel prezidanto dum unu jaro*** | 21 | 3 | 3 | 1 | 28 |
| ***Pieter Engwirda demisias kaj estas reelektebla por tri jaroj*** | 22 | 3 | 1 | 2 | 28 |
| ***Pieter Engwirda kandidatas kiel sekretario dum unu jaro (nur se li estas reelektita por nova periodo)*** | 22 | 1 | 5 | 0 | 28 |
| Said Baluĉi (estrarmembro por tri jaroj) | 28 | 0 | 0 | 0 | 28 |
| Andries Hovinga (estrarmembro por tri jaroj) | 28 | 0 | 0 | 0 | 28 |

**Estraro Esperanto Nederland**



# EL MIA LETERKESTO

1] Mi volas komuniki al vi, kion mi aŭdis de reprezentanto de mia asekura kompanio 'iza' en Eindhoven. Mi ricevis fine de la antaŭa jaro leteron kun nova "zorgokarteto". En la informoj staras, ke sur la dorsoflanko de tiu karto staras la "European Health Insurance Card (EHIC)".

Mi reagis al tiu informo per letero. Mi skribis interalie (tradukinte) "ke nun, kiam Britujo eksiĝas el Eŭropa Unio, la angla lingvo fariĝos malpli grava. Kial tiuj datumoj sur la dorsflanko ne simple menciataj en nederlanda lingvo? En Eŭropo ĉiuj lingvoj estas samrajtigitaj. Estas ankaŭ afero de egalaj rajtoj en la internaciaj interrilatoj; kial ni devus lerni anglan lingvon, dum angloj ne devas elspezi kostojn nek tempon por lerni fremdan lingvon? Alia solvo estas la uzado de neŭtrala, internacia lingvo, kiun ĉiu povas lerni kaj tio estas ESPERANTO. En interreto vi trovas tre multajn informojn pri tiu lingvo. Informcele mi sendas al vi inform-folion.
Pasintan lundon mi ricevis telefonalvokon de reprezentantino de tiu asekura kompanio 'iza', kiu reagis al mia letero. Ŝi diris, ke la angla lingvo estas uzata pro "internaciaj aranĝoj" kaj ke ne estas antaŭvideble, ke por la teksto oni ekuzos Esperanton.
Mi diris, ke mi dubas pri tiuj "aranĝoj". Mi donis informojn pri la ecoj de la internacia lingvo Esperanto, precipe pri la egaleco kaj la ne-favorado de iu nacia lingvo. Mi aldonis, ke en Eindhoven estas grupeto de esperantistoj.

**S.P. Smits**

2] Mian amikan dankon al vi por la revuo *Fenikso*, 22a jarkolekto n-ro 1, mi ĝue legis la utilan artikolon pri la ILEI-kongreso de Esp-instruistoj en Busan (Sud-Koreio) kaj mi ŝatas lasi la iniciaton al la lernantoj, ankaŭ mian varman dankon por la kolora foto de Busan.
**sincerajn salutojn al vi de Frans Cobben**

3] *Karaj kaj estimataj!*
Mi ŝatus sciigi vin, ke la **Kolekto por Planlingvoj kaj la Esperantomuzeo** realigis novan skanprojekton. Dum la pasintaj semajnoj la enhavtabeloj de kvin gravaj periodaĵoj estis skanitaj kaj nun konsulteblaj per la katalogo *Trovanto*. Ĉi-kune mi sendas liston de la koncernantaj titoloj kun la ligiloj.
Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswissenschaft. Internationale Zeitschrift für Modellierung und Mathematisierung in den Humanwissenschaften (1960-2012)
http://data.onb.ac.at/rec/AC01262463
La monda lingvo-problemo (1969-1977)
http://data.onb.ac.at/rec/AC02733406
Language Problems and Language Planning (1980-2014)
http://data.onb.ac.at/rec/AC00650520
Esperantologio (1999-2015)
http://data.onb.ac.at/rec/AC05003222
Journal of Universal Language (2001-2014)
http://data.onb.ac.at/rec/AC03512601
**Korajn salutojn,**
**Bernhard Tuider**
Sammlung für Plansprachen und Esperantomuseum
Österreichische Nationalbibliothek
Palais Mollard, Herrengasse 9, 1010 Wien
Tel.: (+43 1) 534 10-731
Fax.: (+43 1) 534 10-733
E-Mail: bernhard.tuider@onb.ac.at
Internet: www.onb.ac.at
FN221029v
FBG Handelsgericht Wien
Postanschrift: Österreichische Nationalbibliothek
Josefsplatz 1, Postfach 25, 1015 Wien

4] En la raporto de la estraro en *Fenikso* de Jan./Feb.2017 sub la titolo: 2017 jaro de gravaj eventoj mi ricevis sukcesdeziron kiel la nova prezidanto de IEI...
Tamen mi ne estas prezidanto, sed estas kaj restas kasisto.
Nova prezidanto ankoraŭ vakas.
Cetere dankon por via informo pri la Zamenhoftago ĉe IEI.
Kun amika saluto,
**Piet Buijnsters**

5] Karaj partoprenantoj de la sumoo, Bonorde finiĝis la januara sumoo. En tiu ĉi sumoo okazis du mirindaj aferoj:
1. La nombro de la partoprenantoj estis 366. En la lasta novembro la nombro estis rekorda 318, sed ĉi-foje la nombro superis ĝin je preskaŭ 50.
2. Unuan fojon Koreio okupis la unuan lokon kun la partopreno de 93 homoj. Gratulon al la koreaj esperantistoj.

**HORI Jasuo**

**6] [letero plusendita al mi de nia prezidanto]**
***Tre estimata Robert Moerbeek!***
*Kijiva klerig-kultura centro "Esperanto" sin turnas al Vi kun la peto informi geamikojn pri la nova renkontiĝo "ORIGANTO", dum kiu Esperantistoj lernos kaj praktikos origamion, origamiistoj lernos kaj praktikos Esperanton! La renkontiĝo okazos 24 – 31.05.2017 apud Kijivo, ĉefurbo de Ukrainio.*
*Ni, esperantistoj, alkutimiĝis al renkontiĝoj, kiam ni plene okupiĝas pri esperantaj aŭ ĉirkaŭesperantaj aferoj... Ni proponas malfermi nian socion kaj inviti al ni origamiistojn!*

*Ni alvokas esperantistojn en la tuta mondo trovi origamiistojn en siaj urboj, rakonti al ili pri Esperanto kaj inviti al nia renkontiĝo "Origanto-1". Kaj ni reciproke malfermu por ni mirindan mondon de ESPERANTO kaj ORIGAMIO!*
*Plej estime kun samideana saluto, Mikaelo Lineckij, Ĉefdelegito de UEA por Ukrainio, Kunordiganto de la renkontiĝo origanto@ukr.net lineckij@bigmir.net Skajpe: m-urso Telefone: +38063 8493193 (Viber)*

7] http://taalunieberichten.org/artikel/taaladvies/de-8verengelsing%E2%80%99-van-de-maatschappij

8] Bericht van Facebook, 30 januari 2017 door Roberto Poort



Nek morale, nek leĝe Trump estas mia prezidento, ĉar mi estas nederlandano (kiu loĝas en Usono). Sed tute ne gravas, ĉu oni estas usonano, aŭ loĝas en usono aŭ ne. Ĉar la usona prezidenteco havas tutmondajn konsekvencojn, ĝi estas afero de ĉiuj homoj en la tuta mondo, ne nur de la usona elektantaro. Kompreneble malgranda grupo de Esperantistoj povas fari ege malmulte kontraŭ Trump, sed espereble ni fariĝas parto de grandega kontraŭ-Trumpa opozicio. Unu afero estas certa: kiel Esperantisto mi absolute devas distancigi min de naciismo kaj faŝismo, precipe en Esperantujo. Esperanto estas multe pli ol facila gramatiko. **Se la kontraŭislama dekreto de Trump ne alarmas nin, ironie dum la 72-a Auschwitz-datreveno, tiam ni lernis nenion de la historio.** Dum la Dua Mondmilito la Nazioj devigis mian patron al kruda laboro en terkultura projekto por nutri la germanan armeon en Nederlando. La Zamenhof-familio kaj multaj Esperantistoj pereis en faŝismaj koncentrejoj. Se mi ne agas nun, mi ne estas homo, kaj certe ne estas Esperantisto.

**8] ĈIUJ VERKOJ DE ZAMENHOF ESTAS LEGEBLAJ EN LA RETO**

Lige al la 100-a mortodatreveno de Zamenhof, la viena *Esperanto-Muzeo* celis ĉi-jare prezenti ĉiujn verkojn de Ludoviko Zamenhof, aperintaj ĝis 1930, kiuj troviĝas en ilia kolekto.
125 libroj jam estas libere kaj senpage legeblaj en la retejo de la muzeo IEMW. Kelkaj ankoraŭ sekvos dum la venontaj semajnoj. Verkoj (1887-1930) de Ludoviko Zamenhof:
https://www.onb.ac.at/eo/bibliothek/sammlungen/kolekto-porplanlingvoj/digitaj-dokumentoj/ludwik-l-zamenhof/



## FILMETOJ RETE

1] https://youtu.be/S92KyA6vSTo

**Elegio En Malnova Tombejo (Elegy In An Old Graveyard) - William Auld**

2] Prezento de la biteldono de Donkiĥoto en la ĉefsidejo de la INSTITUTO CERVANTES
https://youtu.be/DJImN6iQYYg

3] **Aŭskultu intervjuon de Esther Schor al Radio en Tel-Avivo**
**Esperanto: Undoing the curse of Babel**
Professor Esther Schor of the Department of English at Princeton University discusses her new book "Bridge of Words: Esperanto and the Dream of a Universal Language," which tells the story of one of the most ambitious social experiments in modern history.
http://tlv1.fm/the-tel-aviv-review/2016/11/28/esperanto-undoing-the-curse-of-babel/



Xu Daorong (1940 – 2014), plumnome Ikso, estis ĉina esperantisto, honorita de Belartaj Konkursoj en la branĉoj originala poezio kaj eseo (1979). La ĉi-prezentita poemo aperis en 'Fabloj de Ikso'. En tiu ĉi kolekto la poeto baziĝis sur antikva ĉina rakonto, 'Ĉeno de Embuskoj', inspirita de 'Shuo yuan' el la Han-dinastio (206 a K.-24 p.K.). El 'Beletra Almanako' n-ro 26, junio 2016.

| Ĉeno de Embuskoj. | *Keten van hinderlagen* |
|---|---|
| 1 En ĝardeno pompas flora arbo,<br>kie ĉirpas, aj, cikad' per harpo.<br>Ĉirp ! La mond' sin lulas en ebrio,<br>ĉio belas do en harmonio ! | *In een tuin praalt 'n bloeiende boom,<br>waar tsjirpt, ho, een cicade met 'n harp.<br>Tsjirp! De wereld wiegt zichzelf dronken,<br>alles is dus mooi in harmonie !* |
| 5 Nun l'insekton tentas guto rosa,<br>kontraŭ ĝi embuskas mant' kolosa !<br>Kun antaŭa krurparo akra<br>pretas sturmi l' mant' per ĵeto agla. | *Nu verlokt 'n dauwdruppel° het insect,<br>een kolossale mantis° belaagt het !* bidsprinkhaan<br>*Met scherp voorpotenpaar<br>is de mantis klaar te bestormen in 'n arendsworp.* |
| 9 Tamen ĝi ne sciis ke sur branĉo<br>tujas beki ĝin fringel' por manĝo.<br>L'manton longe nia bird' observis<br>kaj ĉi frandon jam al si rezervis. | *Nochtans wist ze niet dat op een tak<br>klaar zit 'n sijs om haar met open bek op te eten.<br>Lang sloeg onze vogel de mantis gade<br>en deze lekkernij reserveerde hij reeds voor zich.* |
| 13 Siavice tute ne atendas<br>la fringelo: knab' en sub' etendas<br>ŝtonpafilon kaj jam al ĝi celas.<br>Ho, la belan mondon murd' sigelas ! | *Op zijn beurt verwacht helemaal niet<br>de sijs: een knaap daar beneden rekt een<br>katapult uit en mikt op hem.<br>Oh, moord bezegelt de mooie wereld !* |

---

**LA POEMO**
**<u>Titolo.</u> Ĉeno de Embuskoj.**
Jen esprimo retrovebla en la franca *"une chaîne d'embûches"*.
**ĉeno** = ?
sinsekvo de samspecaj° *van dezelfde soort*
objektoj aŭ aferoj (PIV), ekz. ĉeno de montoj.
kp. **ĉenkolizio**° (ofte kie? *kettingbotsing*
i.a.° sur niaj aŭtoŝoseoj). *interalie (ndl. o.a.)*
En la franca 'chaîne', oni pli-malpli° rekonas *min of meer*
la antikvan latinan radikon° 'catena', pli bone *wortel*
rekonebla en ndl. 'keten'.
**embusko** = ?
manovro, per kiu atakanto kaŝas sin, por...?
suprizi kaj pli facile kapti ĉasaĵon° *buit*
aŭ venki malamikon (PIV).
(kp. fr. *'embûche'*, ang. *'ambush'*; ndl. *'valstrik'*)

**<u>Versoj 1-2.</u> En ĝardeno pompas flora arbo,**
**kie ĉirpas, aj, cikad' per harpo**
**pompi**
Kiel arbo povus **pompi**°?: *pralen*
Ĝi estas tiom bela kaj ĝi tiom forte altiras
ĉies rigardojn, ke oni emas° supozi, *geneigd*
ke ĝi agas° propravole°. *handelt uit eigen wil*
Jen bela personigo.
kp. **pompo**: *pracht, luister;* **pompa**: *pompeus, luisterrijk*
Nekonfuzenda°: *niet te verwarren*
<u>pumpi</u> akvon por ĝardeno per... pumpilo;
pumpi aeron en biciklan ... pneŭ(matik)on.
**flora arbo**
Ekzemple: magnolia, japana ĉeriz-arbo, fruktarboj.
En kiu sezono?
En printempo, kiam la arboj floras°. *in bloei staan*
**ĉirpi** = ?
Eligi° akran° sonon°, kiel *uiten; scherp; klank*
iaj° insektoj, precipe cikado kaj *zekere soorten*
grilo° (PIV). *krekel*
Jen bela onomatopeo°! *klanknabootsing*
Certe ne povas temi° ĉi tie pri° *handelen over*
**insekto ludanta° harpon?** *bespelende*
Temas pri poezia kaj samtempe amuza
priskribo° de la sono. *beschrijving*
La franca poeto La Fontaine estas pli moralinstrua en sia fablo "*La grilo kaj la formiko*°". Kial?
*mier*

La formiko estas konata kiel diligenta° *ijverige*
laboristo kaj la grilo kiel pigra° insekto. *lui*
Ĉi tie tamen jen alia kaj prava° aspekto: *terecht*
la **grilo** estas... **muzikisto** !

**aj**
Kion devas esprimi tiu interjekcio° ? *tussenwerpsel*
Laŭ la vortaro, (sed ankaŭ sen ĝi, en la normala vivo): fortan, vivan doloron !
Kaj ĉi-kuntekste?
Fakte: fortan **emocion** kaj kortuŝan° **surprizon**. *ontroerend (harttreffend)*
Pro kio tiu surprizo?
La ĉirpado estas tiom bela kaj neatendita, ke ĝi kaŭzas tian fortan emocion.

*Notindas la **fonetika valoro** de tiuj versoj dank' al la riĉa alternado de la sonoj, kvazaŭ sugestante ... la muzikon de la ĉirpado !*

**<u>Verso 3.</u> Ĉirp! La mond' sin lulas en ebrio,**

**sin lulas** = ?
sin balancetas
**luli** = balanceti infaneton, por ĝin dormigi (PIV).
**lulilo** = la **liteto** de tre juna infano, ofte balancebla
**lulkanto°** = kanto por endormigi infanon *wiegelied*
(kp. angle '*lullaby*')
**ebrio** = ?
stato kaŭzata de troa **trinko de alkoholaĵo** (PIV) (kp. france '*ébriété*')
Sed, en la poemo, la mondo ebriiĝas°! *wordt dronken*
Kio povas esti la **kaŭzo de tia ebrio**?
Ebrio ne estas necese sub influo de alkoholo.
Figurasence, la mondo estas ebria pro ia beleco.
Flanka noteto: surpriza frato de la vorto '**ebrio**' estas lat.'**sobrius**' (el '*se ebrius*'!), ndl. sober (nuchter), esp. **sobra**.

**<u>Verso 4.</u> ĉio belas do en harmonio !**

***Kiel impresas° la poemo ĝis nun?*** *indruk maken*
*Jen bela, ege poezia priskribo de la naturo !*
*Kaj jen romantika ideo pri la paca naturo, kie ĉio estas bela, bona kaj bonvena. Ĉio efektive belas, la sceno **sorĉas°** ĉiujn !* *betovert*
*Ĉio tiom belas, ke la leganto jam forgesas... la titolon de la poemo !*

**<u>Verso 5.</u> Nun l'insekton tentas guto rosa,**

**guto rosa**
= guto de **roso** *(kp. france 'la rosée')*
Kio estas roso?
Etaj gutoj de akvo, devenanta el likviĝo de vaporo sur la supraĵo de plantoj, grundo ktp. en plena aero (PIV).
NB.: La <u>roso</u> povas fali sur belan ... <u>rozon</u> !
**tentas**
<u>Kiu</u> ĉi tie tentas kiun?
<u>Kial</u> supozeble tia guto de roso povus tenti insekton?
Jen afero de specialisto.
Krome°, ĉu imageblus, ke insekto soifas ? *bovendien*

**<u>Verso 6.</u> kontraŭ ĝi embuskas mant' kolosa !**

**manto** = ?
raba° insekto parenca° al... *roofinsect; verwant*
blato°. *kakkerlak*
(Kp. latine *'mantis'*)
Atendante ĉasaĵon, kiel sidas la manto?
Kun la antaŭaj kruroj° levitaj tiel, ke ĝi similas al... preĝanto°. *poten* *biddende*
**kolosa**
Ĉu tia insekto povus esti kolosa?
Certe kompare al la ĉirpanta cikado.
**embuskas**
Kia imageblas '**embuskanta manto**'?
Pro° sia celo° ĝi verŝajne staras tute senmove. *wegens; doel*
Notindas: Unuavide° leganto *op het eerste gezicht*
verŝajne pensos pri ia penetr(ad)o en 'buskon', sed tiu vorto surprize tute ne ekzistas en Esperanto ! Jen do vorto erariga°! *misleidend*
Embusko: parenca kun bosko°. *bosje*

**<u>Versoj 7-8.</u> Kun antaŭa krurparo akra pretas sturmi l' mant' per ĵeto agla.**

**kruro** = ?
parto de la malsupra (aŭ malantaŭa) membro de la vertebruloj, inter genuo kaj piedo.
**sturmi** = ?
kurante aŭ alsaltante ataki (PIV).
**aglo** = ?
granda rabobirdo kun kurba beko kaj akra vido (PIV).
ŝturmi per **ĵeto agla** = ?
Oni komprenas, ke la manto sin ĵetos kiel **aglo**.
La aglo povas longe plu **ŝvebi°**, alte en la aero, kaj lasi sin subite fali kiel ŝtono. *zweven*
Kio estas la celo de tiu 'ŝturmado'?
Kapti la **predon°**. *prooi*
For estas la idilia bildo de la unua strofo !

*Notindas° denove la forta* *'t is waard te noteren*
***fonetika** esprimpovo de la vortoj. Kiel do tiuj versoj estas nepre legendaj? Laŭtvoĉe !*

**<u>Versoj 9-10.</u> Tamen ĝi ne sciis ke sur branĉo tujas beki ĝin fringel' por manĝo.**

**tuji** = ?
..jen persona kreaĵo = esti tute preta aŭ tute apude.
**beki** = ?
piki aŭ kanti.
Kiu en verso 10 pretas beki kiun?
La fringelo° pretas beki la manton. *sijs*
Atento: fringelo *sijs*, fringo *vink*
Ĉu jen regulo de la naturo?
Ĉiu siavice°? *ieder op zijn beurt*
*Z:* **Se birdo tro bekas,... la katon ĝi vekas.**
*Z:* **Birdo kantas laŭ sia beko.** = ?
*Elke vogel zingt zoals hij gebekt is.*
Ĉiu sekvas sian naturon.

**<u>Vsj 11-12.</u> L'manton longe nia bird' observis kaj ĉi frandon jam al si rezervis.**

**observis**
Kial la manto longe observas sian viktimon?
Eble la birdo atendas ĝis ĝi povas certigi, ke ĝi havos bonan atak-angulon? Ke ĝi certe ne toleros ies intervenon?
**frando** = ?
io delikata, kiun ni ne manĝas pro malsato, sed nur pro plezuro.
Certe ĉiu el ni havas sian personan frandon?
Eble peceton da torto, da ĉokolado?

**<u>Vsj 13-15</u> Siavice tute ne atendas la fringelo: knab' en sub' etendas ŝtonpafilon kaj jam al ĝi celas.**

**ŝtonpafilo°** = ? *katapult*
Plej simpla tia armilo° estas tuko, per *wapen*
kiu oni svingas° ion en la direkto de la celo. *zwaait*
**ĝi celas...**
kaj subkomprenite: ĝi trafas°. *treffen*

**<u>Verso 16.</u> Ho, la belan mondon murd' sigelas.**

Kiel kompreni, ke murdo **sigelas** ĉi tiun nian mondon?
Ke la **murdo** estas la **sigelo°**, la *zegel*
grava° **tipa trajto°**, la simbolo; *belangrijk; kenmerk*
la vera karakteriza trajto de nia mondo.
N.B.: Ĉion konsiderante, ĉu oni povas paroli pri murdo koncerne la konduton de **bestoj** en la naturo?
Kaj koncerne niajn **prapatrojn°**? *voorvaderen*
Kaj en nia *se tiel diri°* moderna mondo? *zogezegde*

-----------

**PLIE PRI IUJ VORTOJ**

**<u>Celi</u>** (verso 15)
***1. celi***
Ĉu tiu/tia rimarko **celas** min?
Ĉu mi estas la celo de tiu rimarko?
*Z:* **Celi anseron, trafi aeron.** =?
Maltrafi la **celon**.
*Z:* **Celi leporon per pafilo°**.
*Mikken op een haas met een geweer.*
Tiam la leporo estas la ... **celo**.
*Z:* **Profiton celu, sed aliajn ne pelu°**. *opjagen*
Alivorte?
Tio estas permesata, sed sen...
(Kaj la komerca konkurenco?)
*Z:* **Leki la manon, sed celi la panon.**
*De hand likken, maar op het brood mikken.*
*"Om der wille van de smeer, lekt de kat de kandeleer."*
En pli ĝenerala senso?
Esti ege **ĝentila°** por ... *beleefd*
**obteni°** ion. *verkrijgen*
Pli idealista demando: Kion la Esperantismo **celas?**
Ĝia celo estas, ĝi celas, laŭ Z., reciprokan komprenadon inter ĉiuj homoj.
***2. celo***
Kiam oni diras pri iu, ke li **trafis du celojn per unu ĵeto.** *Twee vliegen in één klap slaan.*
Ke li sukcesis samtempe en du aferoj.
N.B.:*'Vlieg'* esperantlingve estas 'muŝo'. Kiu versio preferindas?
Eble la nederlanda, ĉar ĝi estas pli konkreta, malpli abstrakta.
La celo estas ofte citata en jena kunteksto: **"La celo pravigas la rimedojn."**
*Het doel heiligt de middelen.*
Ĉu sen precizigi nek celon nek rimedojn?
Ĉu ne jen pridiskutinda ideo ?
Espereble temas pri bonaj celoj kaj bonaj rimedoj !
Parenteze: Kio estas la **celo(j)** de tiu ĉi artikolo?
Eble sugesti staĝon **cele al** lingva perfektiĝo.
***3. (sen)cele***

Kiam homoj emas° **sencele** *geneigd zijn*
vagadi° tra la stratoj? *zwerven, ronddolen*
Kiam iakaŭze° /ial ili ne *om een of andere reden*
plu toleras resti dome !
Kiam imageblas **sencela** diskutado / vivo?
Kiam por iu ĉia tiurilata celo malaperis.
Kion fari **kuracocele**°? *met genezing als doel*
Strikte° sekvi konsilojn° de *stipt; raadgevingen*
kuracisto°! *geneesheer*

*Z:* ***Ŝerce dirite, cele pensite.***
*Schertsend gezegd, gericht bedacht. Een steek onder water*

Kiam?
Kiam oni diras ion per/kun tono por **ŝajne ŝerci kaj amuzi**, dum oni ne forgesas la **celon** de la komunikado.
**Alikaze**, kiam oni ne volas aspekti tro severa, strikta, tro rigora.

**<u>Sigeli</u>**° (verso 16) *bezegelen*

***1. sigeli***

Iu afero povas sigeli ian **amikecon.** = ?
Ĝi igas tian amikecon definitiva, do verŝajne neniam plu modifebla°. *mogelijk te wijzigen*
Kio ekzemple povas plej bone sigeli amikecon?
Reciproka help(em)o, kompren(em)o, komunaj travivaĵoj°? *belevenissen*
Kian **dokumenton** oni ofte devas sigeli?
Gravan dokumenton, testamenton...
Eblas ankaŭ sigeli **per signaturo**.
Sigeli ekzemple kontrakton, valoran leteron, leĝon° ktp. Alivorte ? *wet*
Definitivigi, igi neniam plu ŝanĝebla.

***2. dissigeli***

La malo de *sigeli* estas ***dissigeli***.
Ĉu estas permesite dissigeli aliulan **leteron**?
Kial ne?
Ies/ĉies privateco... respektindas!
Ĉu povas esti ia okazo, ke oni permesus al si dissigeli ies leteron?
**Tikla**° afero, kiu tamen kelkfoje povas prezentiĝi ! Ekzemple, se la alskribito ne kapablas ion fari kaj permesas. *netelig*
Ekzemple kaze de ies forpaso°. *overlijden*

***3. sigelo***

Kiam oni diras pri iu, ke li jam havis la **sigelon de la morto** sur la vizaĝo?
Iam la trajtoj de la vizaĝo sugestas baldaŭan forpason. Ĉi tiu sigelo estus kiel pruvo° *bewijs*
de ĉeesto° de la morto. *aanwezigheid*

Sur domo, kvartalo°, urbo, vilaĝo, povas kuŝi *wijk*
la **sigelo de malriĉeco.** Alivorte?
La aspekto de tiuj lokoj montras bedaŭrindan° situacion, kie *betreurenswaard*
regas° manko de *heersen*
vivrimedoj° . *bestaansmiddelen*
Pri kiu oni emas diri, ke li estas **sigelo de perfekteco?**
Pri iu, kiu neniam eraras nek kulpas, kiu estas vera ekzemplo, modelo.
Kio estas 'rakonti ion sub la **sigelo de sekreto**'?
Rakonti, diri, **sciigi**° ion, kio *laten weten*
iakiale° devas resti sekreta. *(por ia kialo, kaŭzo)*
Tiakaze oni havu sigelon **sur... la lipoj**!
Aliaj manieroj por sigeli la lipojn estas...
aŭ **ligi** tukon sur la buŝon aŭ
tiun hm... **kisi**(!?).

*Amuza kromekzerceto; flue retraduki esperanten ĉiujn nederlandajn tradukaĵojn !*

**TRADUKEKZERCOJ.**

**<u>Antaŭa.</u>**

1) Manke de (pro manko de) pano la honto estas for (ne plu ekzistas). En okazo de bezono oni faras multon, kion oni prefere preterlasus.
2) Senutileco, la timo pro vaneco/ senutileco trafas pli ol unu (Van Eeden). 3) Idilio estas la poezia pentraĵo de la vivo de simplaj, nekoruptaj/nedorlotitaj homoj, kiuj vivas en strikta rilato kun la naturo. 4) La vojo al la infero estas pavimita de bonaj intencoj. Sennombraj bonaj intencoj neniam realiĝas/estas realigataj. 5) La vermo de la ĵaluzo rongas lian koron. 6) Ĥimerkasteloj postulas altajn konservajn kostojn.

**<u>Nova.</u>**

1) Het maakt alle verschil of je een insect in de slaapkamer hoort of in de tuin. 2) Hoe prachtig is alles door de natuur geregeld: zodra een kind de wereld binnentreedt, vindt het een moeder klaar staan om voor hem te zorgen.(J. Michelet).
3) Wij verkeren zo graag in de natuur, omdat deze geen mening over ons heeft. (Nietzsche ).
4) De dood is, van alle bezoekers, de meest aangekondigde en de minst verwachte. (Bourget).
5) Het gelukkigst is hij die er het minst prijs op stelt het te worden. (G. Bomans).

E. Van Damme

# ESPERANTO PUBLIKE

*1] Ik zend u het **Molenwiekje** geplaatst november 2016 in het blad DE GEESTMOLEN, voor de rubriek Esperanto publike.*

*Veel succes met uw voorbereidingen.*

*Hartelijke groet,*

Ans Heijstra-Valkering, Heiloo.

**ESPERANTO**
**VERENIGING ALKMAAR**
**viert zaterdag**
**10 december haar**
**65 jarig bestaan**
**in De Alkenhorst, wijk De Hoef Kom kijken !**

2] ***Gymnasiast uit Someren spreekt Esperanto zonder het ooit op school te hebben geleerd***

*SOMEREN - **Mia nomo estas Frank van Hertrooij**. Zo stelt gymnasiast Frank van Hertrooij (17) uit Someren zich voor aan zijn mede-Esperantosprekers. Die kom je niet op iedere hoek van de straat tegen, dus reist de scholier van het Willibrord-gymnasium met regelmaat naar congressen in Duitsland en Polen om ze te ontmoeten.*

*En daar loopt de tiener niet plompverloren tussen alleen maar oudjes rond.*

*«Ik ben er kinderen van vier tegengekomen, maar ook bejaarden van tachtig." Zelf leerde de zesdeklasser op zijn elfde de kunstmatige taal. Hij zag op het jeugdjournaal een item over een Esperantokamp in Frankrijk en het wekte zijn belangstelling. «Ik had nogal wat vrije tijd. Die besteed ik graag zinvol, dus leek het mij leuk om de taal te leren." Zijn mentor was de Groningse Wil van Ganswijk, met wie Van Hertrooij een mailuitwisseling in het Esperanto onderhield. Van Ganswijk corrigeerde taalfouten en zo leerde de Somerenaar de taal. «Zonder ooit klassikale lessen te hebben gevolgd.» Een talenknobbel heeft de VWO-scholier sowieso. Hij spreekt ook nog Engels, Frans, Duits, Zweeds, Grieks en Latijn.*

*Maar Esperanto heeft iets extra's voor Van Hertrooij: «De cultuur van het Esperanto. Er zit een heel ideaal achter.'» Zijn geliefkoosde taal promoot hij graag via lezingen, maar wordt het zijn broodwinning? «Nou, ik kan met vertaalwerk de kosten van het reizen naar de congressen dekken.»*



**Literatuur voor esperantisten in bibliotheek van Groningen**

*Esperantisten bieden de openbare bibliotheek enkele boeken aan. Van links naar rechts: Hans Adriaanse, Klaus Schubart, directeur Nuiver en Ineke Emmelkamp.*

De Vereniging van Jonge Esperantisten in Groningen kan waarschijnlijk over niet al te lange tijd beschikken over aangepaste literatuur in de Openbare Bibliotheek in Groningen. Directeur J. A. Nuiver zegde een vertegenwoordiging van de vereniging ...

**Avondvierdaagse 18 t/m 21 juni**

# REVUOJ RICEVITAJ

***Esperanto aktuell*** 2016/ 6: pri grava artikolo en Der Spiegel; bona artikolo por honori "nian" Katalin Kováts; ***Norvega Esperantisto*** 6:2016: Abonu aliajn Esperanto-revuojn!; ***Esperanto*** de UEA, 1306 (2016:10), pluraj numeroj samtempe, ĝis jan 2017 – ĉiuj nepre ĝin jam legis; ***La Revuo Orienta*** 1137, dec 2016: memore al 90 jaroj de la Biblio en Esperanto, oni publikigis parton el Apokalipso ĉi tie; ***Kontakto*** 275, 2016:5: Nacia identeco; granda intervjuo kun Gerrit Berveling – tri paĝojn!; ***Sennaciulo*** sep-okt 2016 (1335-1336): Mondfederismo (prelego de Rob Moerbeek); Prezento de Bohemiaj lumoj en madrida teatro; Parolado far nuntempa Sokrato; ***Nova Irlanda Esperantisto*** 138, jan-feb 2017: recenzo pri Vojaĝo al Kazohinio; ***La Sago (Sat-amikara Gazeto)*** 113, jan-feb 2017: bela recepto pri fungopasteĉo: vegane kuiru!; Afriko dum la unua mondmilito.

La koncerna teksto de Ineke Emmelkamp aperos en la venonta numero de *Fenikso*.

1] **Gepatroj kiuj partoprenos la UK-on en Seulo, povas veni kune kun siaj GEFILOJ**.



**Internacia Infankongreseto** (IIK) atendas 45 infanojn kaj adoleskantojn de ĉiu aĝo, jam aliĝis dekkvino el 3 kontinentoj
Sonĝanta pretigis grandan teamon kaj interesan programon en taŭga kongresejo. Inter UKejo kaj IIK-ejo regule veturas publikaj busoj.
Kontaktu: infana.kongreseto@gmail.com
En aŭgusto en Francio okazos "Festa Semajno por Infanoj kaj Familioj", kun kursoj kaj aktivaĵoj por ĉiuj.
Konsultu la agendon de la franca **Esperanto-kastelo**.
Kontakto: kastelo@gresillon.org
Jen foto el IIK 2016.

2] https://scontent-ams3-1.xx.fbcdn.net/v/t1.0-9/16266083_10212043222061017_4079748163853702494_n.jpg?oh=2f639dc13ae20a84d93678764ec5ae95&oe=5918F609

3] **La Verdaj Skoltoj kaj mi organizas baldaŭ renkontiĝon en Belgio:** Printempa Esperanto-Renkontiĝo (PEKO).

***24a-26a marto***

*Verdaj Skoltoj kaj NEJ estas (bedaŭrinde) la solaj junularaj asocioj en Benelukso. Pro tio ni volas kunlabori kaj krei multajn ligojn inter niaj membroj! Do membroj de NEJ ricevas grandan rabaton je la kotizo de PEKO: unika kotizo de 75€ anstataŭ 99€/110€/125€ (laŭ via aĝo kaj aliĝdato)*
*(Rimarku, ke ĉiukaze la rabato por PEKO estas pli alta ol la kotizo ĉe NEJ!)*
*Kiel Frank, mi esperas revidi vin dum PEKO ;-)*
*Mi ŝatus vin ĉiujn inviti al PEKO 2017, kio ĉi-jare okazos en Amourgies, Belgio en marto. Estas tre taŭga renkontiĝo por komenci sian Esperanto-jaron kaj lastjare mi ege amuziĝis kun la diversa programo kaj aventuraj aktivecoj, kaj trankvilaj prelegoj kaj seminarioj. Ankaŭ la partoprenantoj estas tre diversaj kaj la Verdaj Skoltoj, kiuj organizos ĉion, kaj junaj kaj maljunaj Esperantistoj el Belgio kaj ĉirkaŭaj landoj. Kio certe menciindas, estas la bona rabato por NEJ-anoj. Se vi volas scii pli, bonvolu klaki ĉi tiun ligilon por iri al la trilingva retpaĝo pri la okazaĵo.*
https://verdajskoltoj.wordpress.com/peko/
Ik zou jullie allemaal graag uitnodigen voor PEKO 2017, dat dit jaar plaats zal vinden in Amourgies, België in maart. Het is een uitstekende bijeenkomst om je Esperanto-jaar mee te beginnen en vorig jaar heb ik me uitstekend vermaakt met het diverse programma met zowel avontuurlijke activiteiten als rustige lezingen en workshops. Ook de deelnemers zijn erg divers met zowel de *Verdaj Skoltoj*, die het zaakje organiseren, als Esperantisten van jong en oud uit België en omliggende landen. Wat zeker het vermelden waard is, is de fixe korting voor NEJ-leden. Als je meer wilt weten, klik dan op deze link om naar de drietalige webpagina over het evenement te gaan.
https://verdajskoltoj.wordpress.com/peko/

amike,
Doumont Valère
rue de Velaine, 114 bte 4 - BE-5060 Sambreville
+32 71 165 395; +32 485 517 552

4] **De la 14a ghis 22a de aprilo 2017 en la franca E-kastelo Greziljono okazos la 6-a stagho PRINTEMPaS** kun proksimume 40 partoprenantoj kaj loga programo:
- Kurso A1-A2 gvidata de Marion Quenut (Francujo)
- Kurso A2-B1 gvidata de Christophe Chazarein (Francio)
- Kurso B1-B2 gvidata de Zsófia Kóródy (Herzberg, Germanujo)
- AMO-seminario (C1) «Kiel modernigi la instruadon de Esperanto kun la novaj teknikajhoj?» gvidata de Stefan MacGill (Hungarujo) kaj Sara Spano (Italujo)
- Internaciaj Ekzamenoj de ILEI-UEA (21-22 aprilo)
- Prelegoj kun Mireille Grosjean (Svisujo)
- bona etoso kaj bonaj manĝoj (viande aŭ vegetare)

Informoj: gresillon.org/printempas
Aliĝo: gresillon.org/aligho
posta programo: gresillon.org/agendo
Ghis baldaŭ en la Esperanto-kastelo Greziljono
kastelo@gresillon.org





1] **Ĉien ajn per la trajno**
La fino de la jaro alvenis jam, la kristnaskaj festoj finitaj, do por vojaĝema Esperantisto tio povas signifi nur unu aferon: JES! Membroj de NEJ kaj pli ol cent Esperantistoj el aliaj landoj renkontiĝis ĉirkaŭ la jarŝanĝo en la Junulara E-Semajno. Kaj la vojaĝo al la renkontiĝo en si mem estis NEJ-tago kaj granda aventuro.
La unua NEJ-ano jam je la sepa horo matene eniris la trajnon, kaj dum la mateno kunvojaĝantoj aliĝis por kolektiĝi en Enschede. La grupa bileto ĝis Enschede estis pagita de NEJ. Jam en la unua germana stacio la kvinopo el Nederlando renkontis la belgan grupon, kiu uzis la saman taktikon por atingi la JES-ejon. Survoje estis granda manko da problemoj aŭ eĉ malfruoj. Tute laŭplane grupo de dekkelkaj alvenis por kapti la lastan buson de la stacio en Nortorf. La afabla busŝoforo eĉ eliris por helpi nin transiri la senluman straton ĉe la haltejo!
La JES mem, por tiuj, kiuj ne konas ĝin, estis granda serio de ludoj, prelegoj kaj koncertoj, kun iom da manĝo, dormo kaj trinkado inter tio. La novan jaron ni festis por ĉiu horzono, kaj ni certe ne forgesos la odoron de sveda putrinta fiŝo.
Ial dum la reveno la nederlanda grupo pli ol duobliĝis. Nun grupo de 12 homoj kune vojaĝis al Enschede, denove sen malfruoj, sed kun multe pli lacaj vizaĝoj. Ni esperas, ke ni revidos multajn el la homoj renkontitaj dum JES. Ni ja bele kantis por ili la KKPS-kanton, por ke ili venu Nederlanden en oktobro!

**Samen fijn in de trein**
*Het jaar liep weer ten einde, de kerstviering al achter de rug, dus voor de reislustige Esperantist kan dat maar één ding betekenen: JES! NEJ-leden en meer dan honderd andere Esperantisten uit andere landen kwamen rond oud en nieuw bijeen in de Junulara E-Semajno. En de reis ernaartoe was op zichzelf al een NEJ-dag en een groot avontuur.*
*Het eerste NEJ-lid zat rond zeven uur al in de trein, en in de loop van de ochtend sloot de rest zich aan om uiteindelijk in Enschede samen te komen. Het Groepsretour tot Enschede was betaald door NEJ. Al na één Duitse trein ontmoette het Nederlandse vijftal de Belgische groep, die dezelfde tactiek gebruikte om JES te bereiken. Onderweg was er een groot tekort aan problemen of zelfs vertragingen. Geheel volgens plan lukte het de groep om de laatste bus van station Nortorf te halen. De vriendelijke buschauffeur stapte zelfs uit om ons veilig in het donker de weg bij de halte te laten oversteken! JES zelf, voor wie er niet bekend mee is, was een lange reeks spelletjes, presentaties en concerten, met tussendoor wat eten, slapen en drinken. Het nieuwjaar werd voor elke tijdzone gevierd, en geen van ons zal de geur van Zweedse verrotte vis vergeten.*
*Om onverklaarbare reden was de groep bij terugkeer verdubbeld. Terug gingen we met zijn twaalven naar Enschede, alweer zonder vertraging, maar veel slaperiger dan op de heenweg. We hopen veel nieuwe gezichten van JES gauw weer te zien. We hebben speciaal voor hen het KKPS-lied gezongen, zodat ze in oktober naar Nederland komen!*

2] **La 2a Luminesk' okazis en Kleve (Germanio)**
Luminesk'? Ĉu vi ne aŭdis aŭ legis pri ĝi? Luminesk' estas la nomo de la nova silvestra Esperanto-renkontiĝo organizata de Germana Esperanto-Asocio en Germanujo, kaj opiniata kiel daŭrigo de la tradicio de multaj sinsekvaj jaraj Internaciaj Festivaloj (IF) organizitaj far HDP, kiu rezignis antaŭ 2 jaroj. Mi povas diri, ĝi estas dece kaj taŭge organizita sekvo, kio strebas al komparoj de renkontiĝoj de antaŭaj jaroj.
Pasintjarfine mi estis aliloke, nun mi kaptis la okazon revidi multajn konatojn kaj ekkoni novajn, por festi kun ili la jarfinon 2016 per silvestra bufedo kaj balo, kaj komune komenci ĉi novan jaron 2017 inter Esperantistoj. Mi partoprenis la tutan semajnon kaj ĝi placis al mi.
Rimarkindan fakton mi trovis, ke kelkaj homoj eĉ venis por partopreni unu ĝis du tagojn jam en 2016, aliaj faris same en 2017, kaj iuj venis «nur» je silvestro kaj novjaro. Preterpasis do multaj parttempaj partoprenantoj al la solida partoprenantaro de la tuta semajno, kaj do eblis interparoli kun multaj homoj, kiuj ankaŭ bedaŭris, ke ili ne povis resti.
La silvestra bufedo estis bonkvalita, la etoso agrabla, kaj oni denove, sendiskute, aranĝis la tradicion malfermi la silvestran balon per la pola pardanco Polonezo (vidu foton de Andreo Grossmann). Poste ni aŭdis kantojn far Guilhermo kaj dancis kun li la kubajn movojn, dum Rob  prizorgis en la novjara nokto la bonkvalitan elekton de dancmuziko, kiun ĝuis multaj.
Dum aliaj vesperoj ni aŭskultis interalie la akordeonajn tonojn far Kees Ruig, spektis interesajn prezentojn kaj kontribuojn el nia partoprenantaro, kaj miris pri ĝi.
La programeroj estis tre diversaj; inter ili prelegoj fakaj kaj pli leĝeraj. Do eblis kontentigi multajn gustojn. Mi faris vojaĝon en Portugalio per la rakontoj kaj bildoj de Ulrich Brandenburg, oni faris frandaĵojn sub la gvido de emerita ambasadora edzino Barbara, oni dancis linie (Benia) kaj ronde (Martin), kaj vespere fervore parto-

prenis la instruojn de Guilhermo danci je kubaj ritmoj. Mi prizorgis interbabilan diskutgrupon pri Filozofiumado (fotoj de Andreo Grossmann). Post la vespera programo funkciis Gufujo kun riĉa oferto de poemoj, tra fabeloj al ŝercoj kaj spritaĵoj, gvidata far Joŝi kaj Dieter. Ekskursoj estis per buso al apuda Nimego, prizorgita far la Nimega grupo, kaj alian tagon ni vizitis la regionon. Amuza veturigilo tiam estis la longa tendoĉaro, tirata de traktoro. Ne gravis la malvarmega tamen sunplena frostotago, ĉar la interno de la ĉaro estis hejtigita, ne gravis la malrapideco, ĉar ni ĉiuj sidis apud granda tablo larĝa, ĉiam interbabilantaj unu kun la aliaj. Mi trovis ĝin agrabla grupa sperto, kontrasto al la kutimaj busvojaĝoj, dum kiuj oni ofte nur parolas kun hazarda najbar(in)o je flanka sidloko.

La adiaŭan vesperon koncertis Jonny M., kiu rapide kapablis krei gajan etoson per sia vigla prezentado de la regestilaj kantoj. Verdire, kutime mi ne tre ŝatas la regestilon, ĉefe kantatan en la angla, sed ĉifoje mi tuj estis katenita, ĉar Jonny kantas tekstojn en Esperanto bone aŭskulteblajn, foje profundajn, ofte rekoneble (junular) movademajn. Sperto mojosa!

Jen konciza impreso mia pri tiu ĉi Luminesk'. Aliaj verŝajne rakontos aliajn aferojn. Ĉu ni revidu nin venontan Luminesk'? Ĝi certe okazos post Kristnasko jarfinon 2017/2018, kaj kiam mi ekscios pli da detaloj, mi komunikos volonte al vi!

Korine Cheizoo



## PETO

**Nederlandaj veteranoj**

En la libro, kiun mi preparas pri la Esperanto-movado en Nederlanda Hindio/Indonezio, mi estas verkanta ankaŭ biografietojn de esperantistoj, kiuj aktivis en tiu lando. Pluraj el la nederlandaj esperantistoj tie pereis en la japanaj internulejoj, sed estas ankaŭ nederlandanoj, kiuj revenis al Nederlando. Mi esperas trovi pere de vi pliajn informojn pri tio, ĉu ili daŭre agadis en Nederlando, kaj, se ne jam konata, informojn pri la plena(j) antaŭnomo(j), dato kaj loko de naskiĝo kaj forpaso, ktp. Temas ekzemple pri Frederik Hendrik Belloni (nask. 22/12/1891, Fort de Kock – mort. 25/4/1969, Den Haag), Rudolf Karel August Bertsch, (1890 – 9/1987, Leidschendam?), George Leopold Blot, (7/1/1896, Soekaboemi – ?/?/1973, Den Haag?), H.W. Bowbyes, Frederik Wilhelm Buenting, (19/3/1893, Amsterdam – 4/6/1978, Nijverdal), Gerrit H. De Heer, Jean Baptist Joseph François Flieger (nask. 10/6/1905), Wilhelm Franciscus Jacobus Geldmaker (15/4/1902, 's Gravenhage – 23/2/1964, Gorssel), Klaas Gorter (22/4/1901, Meersen), Pieter Groenhart (21/2/1894, Ilpendam, 3/11/1965, Leiden), Willem Iken (1/9/1887 – 9/9/1957, Haarlem?), Jan Frederik Lambert Lumaye Schuld, (2/9/1897, Tjilatjap – 12/4/1975, Zwolle), Dirk Mijndert Pot (pseŭd. Dick Ponti) (1895, ?? – 6/11/1976, Leiden), Ludovicus Johannes Schoutens (19/6/1908, Zeist) kaj edzino M.G. van Lammeren, Jacobus Hendricus Antonius Sens (ĉ. 1887, 's Gravenhage), F. Slagman-Tijhof, Charles Eduard Sleebos, (27/5/1901, Pamekasan – 25/2/1978, Den Haag), H.J. Steensma (mort. 7/1966), Dirk Arie Termorshuizen (25/2/1904, Moordrecht – 14/5/1975), Hendrikus Johannes Tuinder (19/1/1901, Oud-Beijerland – ĉ. 1980), Wilhemus Gerardus Van Eyndthoven, (11/5/1911, Amsterdam – 31/3/1981, Amsterdam), Albert C. van Ingen (1908, ?? – 12/9/1994, Den Haag), Willy Wagenaar.

En la sekvaj numeroj de *Fenikso* mi verkos pri kelkaj el ili, kiuj estis tre aktivaj en Nederlanda Hindio. Vi povas kontakti min rete (heidi.goes@gmail.com). Telefonnumero kaj poŝtadreso estas en la jarlibro de UEA. Bonvolu aldoni la fontojn, ankaŭ se temas pri propraj spertoj. Antaŭdankon!

Heidi Goes

**fris** = freŝa
**frisselje** = plekti
**frjemd I** [in] = fremdulo
**frjemd II** = ① [eksterlanda,nekonata] frem
② [nekomprenebla] stranga
**frjemde** = fremdulo
**frjemdling** = fremdulo
**froast** = frosto
**froedfrou** = akuŝ(ig)istino
**from** = pia
**frommes(ke)** [it] = virino
**fronselje** = kuntiri (la brovojn)
**frou** = ① virino; ② edzino;
③ [titolo de ĝentileco] sinjorino
**froulju** = virinoj
**frucht** = frukto
**fruchtber meitsje** = fekundigi
**Frysk I** [it] = frisa lingvo
**Frysk II** = frisa
**Frysktalich** = frislingva
**Frysktalige** = frislingvoparolanto
**Fryslân** = Frislando,Frizonujo,Frizonio
**fûgel** = birdo
**fûgelkoai** = anaskaptejo
**fûke** = naso
**fûl** = ① [ferv...



## NEKROLOGO

### EDWIN BURG (1925-2016)



Edwin Burg, kies nekrologon, verkitan de Piet Buijnster nome de IEI, ni jam legis en la antaŭa numero de *Fenikso*, meritas dankajn memorvortojn ankaŭ nome de *Esperanto Nederland*.

En la funebra ceremonio, la 6-an de decembro, ĉeestis nome de la asocio la prezidanto, sed inter la samideanoj lin honoris ankaŭ la geedzoj Erasmus. Por *Fenikso* Marjet Erasmus en la 5a numero de 2015 montris liajn meritojn okaze de lia honorigo kiel 50-jara membro kaj lia 90-jariĝo, kaj ĉi tiam Hans Erasmus publike rakontis pri la nerezistebla konvinkopovo de Edwin, kies entuziamo pri la homarkunliga lingvo transsaltis al ĉiuj informpetantoj. Edwin, esperantisto de 1965 kaj aktiva estrarano de la Haga LEEN-sekcio, post la pensiiĝo en 1979 fondis en la IEI-domo Esperanto-Centron Nederlandan kaj ĉiutage ĝin vizitis por informa laboro. Kiel estinta bankoficisto administre li estis kompetenta kaj tiel, sindediĉe, li kampanjis interalie por la monkolektado, kiu ebligis la eldonon de la Prisma-vortaro redaktita de f-ino A.J. Middelkoop; ankaŭ en la komisiono por la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo li vigle laboris.

En 1986 li alskribis ĉiajn instancojn: la registaron, parlamenton, gazetaron... por montri la gravecon de la 71-a Universala Kongreso en Pekino. (Komuna Esperanto-Gazeto cetere malofte mencias lian nomon, pleje ni legas nur 'ECN'.) Malgraŭ la teruraj spertoj en Indonezio, unue en japanaj koncentrejoj, poste inter furiozaj indoneziaj, Edwin neniam montris venĝemon: la solvo de malamo kaj konfliktoj ankaŭ por li estis pacaj interkontaktoj per la neŭtrala, egalrajtiga internacia lingvo Esperanto. Kaj pri la lingvoj de Indonezio mem li kapablis artikoli objektive. Rekonon li ricevis per bela diplomo pro la longa meritplena membreco en *Esperanto Nederland*, sed ankaŭ kiel Honora Membro de IEI (2002) kaj de UEA (2003). Ĉiuj, kiuj lin konis, ĝuis liajn entuziamon kaj afablecon: Ĝi radias el la portreto, kiun vizitantoj de la *Centra Oficejo* rigardas en la kafoĉambro, la ĉambro kun lia nomo: jen la homo! Pli ol 50 jarojn li do membris en nia asocio (LEEN, NEA, Esperanto Nederland). Lastatempe li suferis mensan malfortiĝon. Sed dank' al la geflegistoj, lia edzino Gerrie van Geffen, kiun li tiel kapte esperantistigis antaŭ 31 jaroj, kaj familianoj, sed ankaŭ vizitoj de esperantistoj kiel Hans kaj Marjet Erasmus li, ĉiam afabla, havis eĉ tiam kelkajn viglajn momentojn.

Danke ni memoros lin, imitindan.

**Rob Moerbeek,**
**Esperanto Nederland.**

### ALBERT HOEKSTRA (25-5-1934 - 20-12-2016)



La 20an de decembro 2016 mortis Albert Hoekstra. Li naskiĝis en Luinjebert, Frislando en la jaro 1934. Li loĝis en la sama domo dum preskaŭ sia tuta vivo. Li laboris kiel teknika specialisto ĉe PHILIPS Drachten. Post sia emeritiĝo en la jaro 1992 li eklernis Esperanton.

Baldaŭ li miris, ke tute ne ekzistas frisa-esperanta vortaro, ĉar la frisa lingvo fakte estas oficiale la dua lingvo en Nederlando. Li senprokraste prenis tiun taskon sur sin. Li ja konsciis pri la fakto, ke nun la komputilo estas granda helpilo. Li fervore dediĉis sian tempon al tiu memelektita tasko. Jam en la jaro 1995 li eldonis la unuan frisan-esperantan vortaron, nome WURDEN=VORTOJ.

Tio fariĝis granda sukceso, ne nur en Frislando. Ankaŭ el foraj landoj oni mendis tiun vortaron, tiel ke la unua eldono baldaŭ elĉerpiĝis kaj en la jaro 1996 la dua eldono fariĝis necesa. Sekve de tio la Frislanda Televido intervjuis lin dum duonhora programo en la frisa lingvo pri Esperanto. Bedaŭrinde ne ekzistas videobildoj pri tio.

Li estis membro de la Esperanto-Studgrupo Joure, kaj de la Frisa Esperantista Rondo, kiu fariĝis poste kun la grupo en Groningen *Esperanto Noord Nederland*. Li ĉeestis kiel eble plej ofte ankaŭ la Universalajn Kongresojn.

Je la fino de sia vivo li fariĝis demenca kaj pro tio devis loĝi en flegejo.

Ni preĝas, ke la anĝeloj konduku lin en la Paradizon kaj ni rememoros lin kun granda respekto.

**Jelly Westerhof.**




Jen la unua paĝo de la vortaro verkita de Albert Hoekstra
(vidu ankaŭ sur la maldekstra paĝo)

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas

# FENIKSO


22a jarkolekto, n-ro 2
marto-aprilo 2017



*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchtweg 435
2284 TA Rijswijk